

# PENSEO

N-ro 140

Majo/2003

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 http://anteo.topcities.com

## Pri Poetino Rejna de Jong

**Guozhu**

*Esperanta Antologio*, la monumenta kolosa poemaro, ĝis nun havas du eldonojn. La unua eldono en 1958 estis en 642 paĝoj kun 380 originalaj poemoj, versitaj dum la sepdek jaroj 1887-1957, de 90 poetoj el 35 landoj . Poste, okaze de la Centjara Jubileo de Esperanto, aperis la dua kompletigita eldono en 887 paĝoj kun 706 originalaj poemoj, versitaj dum la naŭdek kvar jaroj 1887-1981, de 163 (laŭ statistiko de Guozhu: 343) poetoj el 35 landoj. Tiu ĉi dua eldono estis presita en la Ĉina Popola Respubliko, ĉar tie la prespago estis iom malpli kara. Dank' al tio ĉinaj esp-istoj havis la ŝancon aĉeti kaj legi tiun gravan verkon de originala literaturo de Esperanto.

Kiam mi Guozhu verkis mian retan Koncizan Kurson pri la Esperanta Metriko, en la sepa mesaĝo mi prenis Absurdaĵon, verkon de Nederlanda esp-ista poetino Rejna, kiel specimenon de libera poemo. En la BIOGRAVIOJ fine de Esperanta Antologio ni povas legi mallongan konigon pri Rejna de Jong, kiu legiĝas jene:

Rejna de Jong (1922-): Nederlandanino; dommastrino, antaŭe instruistino. Esp-isto de 1973. Komencis verki originalan E-poezion en 1974. Multfoje premiita en literaturaj konkursoj 1975-1981. Verkoj : En Senvoja Sovaĝejo (traduko, 1979); Divershumore ( poemoj, 1980).

Se ni anstataŭigu tiujn jarojn de sunkalendaro per ŝia aĝo, eble estos pli okulfrapa por nia lego. Kun miro ni trovas, ke Rejna komencis lerni Esperanton fakte ne en sia junaĝo, ĉar ĝis antaŭ ŝia 50-a jaro estis nenia skribo pri tio. Ŝi komencis lerni Esperanton nur en 51-a jaraĝo. sed 52-jara ŝi jam komencis versi originale. En aĝo de 53~59 jaroj ŝi foj-refoje gajnis premiojn en literaturaj konkursoj. 57-jara ŝi tradukis Esperante, 58-jara ŝi eldonis sian poemaron. En *Esperanta Antologio* aperis resume ŝiaj 6 poemoj: unu rondelo, du metrikaj kaj tri liberaj poemoj.

Leginte skribon pri Rejna, mi havas jenajn pensojn. Unue, sendube Rejna estas talenta. Tamen, kio okazus al ŝi se ŝi neniam lernis Esperanton? Laŭ ŝia aĝo kaj statuso, plej probable ŝi vivas nur kiel banala dommastrino. Sed Esperanto ekspluatis al ŝi latentan talenton, reflorigis ŝian junecon, tiel ke ŝi faris indajn aferojn kaj ŝiaj meritoj estis jese konfirmitaj, konsekvence, ŝi iris en la historion kaj al la pli vasta mondo.

Due, neniam estas malfrue por lerni. Estis malnova popoldiro en Ĉinio ke "Aĝo de pli ol 30-jaroj taŭgas jam por nenia lerna faro". Absoluta absurdo! Rejna komencis lerni Esperanton ja en ŝia aĝo de pli ol 50 jaroj. Inter vicaro de Esperantistoj troviĝas ankaŭ aliaj s-anoj, kiuj komencis lerni nian lingvon eĉ pli malfrue ol ŝi, sed same gustoplene, entuziasme kaj ĝojplene. Nature, troviĝas ankaŭ nemalmultaj homoj, kiuj komencis sian Esp-istan vivon pli frue ol Rejna. Laŭ mia opinio, ke oni povas ekscii, kontakti kaj lerni Esp-on pli frue, tio estas ia bonŝanco, ia feliĉo, laŭ favora antaŭdestino. Ĉinoj kredas je antaŭdestino. Kun ĝia favoro, homoj interkonatiĝas unu la alian eĉ trans limo de mil lioj. Sen favoro de antaŭdestino, homoj neniam fariĝos konataj eĉ se ili renkontas sin vizaĝe-al-vizaĝe. Por ni, multaj aferoj, bonaj aferoj, ofte estas renkonteblaj dank' al hazardo sed neakireblaj per strebado. Do, se ni frontas al la feliĉa ŝanco laŭ antaŭdestino, kaptu ĝin senhezite kaj nepre ne lasu ĝin perdi forglite.

Trie, se ni neniam lernis Esperanton, tamen volas legi verkojn de poetoj el 35 landoj, kion fari? Eble ni devas havi la scipovecon de almenaŭ 20~30 fremdaj lingvoj. Tamen, por ordinara ĉino, ĉu estas eble ke li havus la deziron kaj ankaŭ ŝancon lerni la nederlandan

lingvon?

**REJNA**

Rejna versas kun kor' amplena
pri ĉarm', abundo kaj koloroj
de granda Naturo, kaj floroj
en arbar', sunlumo serena.

Ŝi spertis, sub vek' Hipokrena,
miraklojn eĉ en hejmlaboroj.
Rejna versas kun kor' amplena
pri ĉarm', abundo kaj koloroj.

Sed kelkatempe ankaŭ splena
iĝis, pro oldaj rememoroj,
avertas nin ke mis-furoroj
faras la mondon maledena.

Rejna versas kun kor' amplena.



EL ***LAŬZI***

## ĈAPITRO 72



(Laŭzi proponas trakti la popolon ne per subpremado, sed per liverado de vivrimedoj al ili. Li esperas, ke la regantoj prefere kondutos modeste, ol esti sinmontremaj.)

Kiam la popolo ne timas vian potencon,
Io pli potenca kaj terura baldaŭ okazos.
Ne malvastigu la loĝspacojn de la popolo,
Nek senigu ilin je iliaj vivrimedoj.
Nur ne subpremante la popolon,
Vi povas sentigi al ili nenian subpremon.
Tial la Saĝulo[1] konas sin mem kaj tamen ne estas sinmontrema,
Amas sin mem kaj tamen ne sin gravigas.
Jen kial Li preferas memkonon kaj memamon al sinmontremo kaj singravigo.

[1] Vd. noton 1 ĉap. 2.

## ĈAPITRO 73

(Tiu ĉi ĉapitro predikas la sintenadon de Laŭzi kontraŭ la vivo kaj la antaŭdestinismo. Laŭ Laŭzi, ĉiuj aferoj estas antaŭdeciditaj de la Ĉielo, kaj la homo povas fari nenion alian, krom meti sin sub la disponon de la Ĉielo, strebante al nenio, farante nenion kaj dirante nenion. Tia senagado estas avantaĝa, dum agoj estigas malfavorajn rezultojn.)

Tiu, kies braveco kuŝas en aŭdaco, perdas la vivon;
Kaj tiu, kies braveco kuŝas en neaŭdaco, konservas la vivon.
El la du specoj de braveco, unu estas avantaĝa, la alia malutila.
Kiam la Ĉielo havas ian abomenon,
Kiu povus scii ĝian kaŭzon?
Tial eĉ la Saĝulo[1] trovas malfacila tion klarigi.
Estas la Taŭo de la Ĉielo,
Kiu ne batalas kaj tamen lerte gajnas venkon,
Kiu ne parolas kaj tamen lerte faras respondon,
Kiu, kvankam ne vokite, venas per si mem,
Kiu, kvankam malrapide, lerte planas.
Vasta estas la reto de la Ĉielo,
Kaj grandaj estas ĝiaj maŝoj, sed ĝi lasas nenion trairi.

[1] Vd. noton 1 de ĉap. 2.



tradukita de Wang Chongfang

## La 1-a Ĉina Esperanto-Konkurso Literatura kaj Arta



EN printempo ĉijare, okaziĝis la 1-a Ĉina Esperanto-Konkurso Literatura kaj Arta. Ĉinaj kaj fremdlandaj esperantistoj partoprenis en la konkurso en sep kampoj de originala verkado, tradukado ĉina-esperanta, tradukado esperanta-ĉina (inkludantaj poemojn, prozojn kaj eseojn), fotografado, kaligrafado, artmetiartaĵo-farado kaj ĉinlingva verkado. Ĉi-numere ni aperigis parton da premiitaj verkoj por kontentigi la deziron de legantoj. Por ĉiuj detaloj, bonvole turnu al www.elerno.net.

*Redakcio*

**1-a premio de originala verkado**

## ĈE YUEYANG-TURO

de **Laŭlum**

**En maja ventsusuro,**
**Fieras Yueyang-turo.**
**Ĉe l' vasta Dongting-lago,**
**Flustradas ondmurmuro.**

**La verdastela flago**
**flirtadas dum la ago**
**ekskursa kun plezuro,**
**en E-kongresa tago.**

**Senlima akva mondo!**
**Vastega horizonto!…**
**Prosperu nia afero**

**jam tuj en la estonto!**
**Ĉiuj en koopero**
**strebadu kun espero!**



**2-a premio de originala verkado**

## Hajko

de **Teng Xuexun**

Verda libelo
Sur ruĝfloraro staras.
Kiso aŭ kvero?

Verda libelo
Koloran sonĝon plektas
Super rivero.

Verda libelo
Laŭvole ĉie flirtas
Vera libero.



**2-a premio de originala verkado**

## LA KONKURSO

de **Li Shijun**

La mildaj matenaj sunradioj agrable karesas la nigran hararon de Kamelo, kiu meditas kun duone fermitaj okuloj ĉe sia pupitro. Rideto ludas ĉe liaj buŝanguloj, ĉar li estas feliĉa, ke li trovis taŭgan objekton por sia parolado, prezentota en la oatora konkurso. Li volas ankoraŭ pli bone pripensi la vortojn de la oratoraĵo, por certe gajni premion.

"Kamelo!" la dolĉa voĉo de Kamelia vekas Kamelon el lia meditado. Li levas sian rigrdon kaj rimarkas, ke la brilaj okuloj de la knabino mokridas lin.

"Vi surprizis min!" diras Kamelo.

"Kion vi meditas?" demandas Kamelia. "Ĉu vi ankoraŭ kaprompas por la konkurso? Mi kredas, ke certe vi gajnos la premion. Neniu alia estas tiel inteligenta kaj diligenta!"

"Ba! Mi ankoraŭ ne pretigis la tekston por mia parolado," diras Kamelo. "Mi devas verki la tekston."

"Do, vi verku senĝene," diras Kamelia. "Mi iros al sinjoino instruistino por informiĝi pri la aranĝo de la konkurso. Oni diras, ke ŝi ricevis de la Esperanto-rondo Harmonio valorajn librojn kaj insignojn por premii la venkontojn. Certe vi gajnos la plej bonan."

"Dankon por via bondeziro!" diras Kamelo. "Mi devas fari kion mi povas."

Kamelia senbrue paŝas el la ĉambro. Kamelo tuj iras al la komputilo por verki la tekston de sia parolo. Tra la duone malfermita pordo aŭdeblas bruoj de la pilkludantoj sur la sporta placo. Li iras al la pordo kaj fermas ĝin.

Lia laboro iras glate, ĉar ĉio por la teksto estas preskaŭ preta en lia kapo. Fininte sian laboron, li printas la paroladon por 3 minutoj kaj relegas ĝin. Pli certa pri sia venko en la konkurso, li faldas la tekston kaj ŝovas ĝin en sian poŝon. Ankaŭ li nun volas iom sporti sur la placo kune kun la lernantoj, tial li malfermas la pordon kaj eliras.

"He, Kamelo!" krias al li Maro en ĉemizo kaj kuloto. "Aliĝu al nia teamo! Mankas al ni unu ano."

"Mi tuj venos," respondas Kamelo. Li demetas sian jakon kaj kuras en la korbopilkan ludejon.

La matĉo iras streĉe, ĉar ĉiuj volas fariĝi stelo en tiu sporto de la lernejo. Galopoj per fulmrapidaj paŝoj, ruzaj evitoj al rivalaj baroj, lertaj ĵetoj de la pilko en la korbon, aplaŭdoj de tempo al tempo pro lertaj enĵetoj

en la korbon. Kamelo estas ne tiel rapidmova kiel Tigro, kiu saltadas jen dekstren jen maldekstren kiel simio. Tigro rikoltas pli multajn aplaŭdojn de la spektantoj.

Jen eksonoras la signalo por komenci la oratoran konkurson post 10 minutoj. Ĉesas la ludo. Ĉiuj rapide surmetas siajn vestojn kaj iras al la kunvenejo..

"Kamelo, venu, mi bezonas vian helpon!" aŭdiĝas voĉo post lia dorso.

Kamelo returnas sian kapon kaj vidas, ke Mira en verda uniformo svingas al li paperon. Subkonscie li ekmemoras la pretigitan tekston de sia parolado kaj etendas manon en la poŝon. Tuj ŝanĝiĝas la koloro de lia vizaĝo: la printita teksto ne estas en ĝi. Ĉu li erare memoras? Li etendas manon en alian poŝon kaj konstatas, ke ankaŭ tie ĝi ne estas. Ho, ve! Kio okazis al ĝi? Kiel ĝi povas malaperi? Ĉu iu forprenis ĝin? Ne eble. Li ĵetas rigardon al la papero en la mano de Mira. Ne, ĝi ne estas lia teksto. Lia printaĵo estas sur blanka pepero, sed tiu de Mira estas rozkolora. Mira rapide paŝas al li kaj diras:

"Ĉu vi memoraas la nomon de la fama greka oratoro Demo--..? Mi devas mencii ĝin en mia paroladeto, sed ne bone memoras ĝin."

"Demosteno, ĉu ne?"

"Jes, jes! Dankon!" diris Mira. "Kial vi aspektas tiel maltankvila? Kio okazis al vi?"

"Mi perdis la tekston de mia parolado!" diris Kamelo kun amara mieno. "Mi ne scias, kiel tio povas okazi. Tuj komenciĝos la konkurso. Kion fari?!"

"Ne maltrankviliĝu!" diras Mira. "Ne gravas la papero kun la teksto. Vi mem verkis la tekston, certe ĝi restas en via memoro. Plenumu la paroladon sen teksto."

"Jes, ne eblas aliel! Sed kiel ĝi povas malaperi?!"

Dum la interparolo, ili venas en la aŭlon de la lernejo, kie okazos la konkurso. Predskaŭ ĉiuj benkoj en ĝi jam estas okupitaj. Kamelo kaj Mira iras al la fronta vico por la oratoroj kaj sidiĝas.

Sinjoro instruisto Regulo paŝas sur la podion kaj deklaras la malfermon de la konkurso. Tuj sekve la partoprenantoj prezentas siajn parolojn unu post alia ĝis fine venas la vico por Kamelo.

Li iras sur la podion trankvile, kaj post ĉirkaŭrigardo al la ĉeestantoj li ekparolas:

"Estimataj gesinjoroj, karaj geamikoj. Mi preparis tekston por la konkurso, sed post mia pilkludo sur la sporta placo, mi rimarkis, ke ĝi perdiĝis. Do mi devas paroli sen la printita teksto. Bonvole registru mian parolon per kaseto por faciligi la juĝadon de la ĵurio."

Sonas aplaŭdoj ĉe la ĉeestantoj; ĉiuj admiras lian aplombon.

Kamelo parolas pri la graveco de diligenteco. Li mencas Edison, Marian Kuri kaj aliajn kiel ekzemplojn de sukcesintoj dank' al sia diligenteco. Li esprimas sian grandan admiron pri ili kaj konkludas, ke diligenteco estas plej grava faktoro por sukceso.

"Ni studu diligente, por atingi pli grandajn sukcesojn kaj tiel garantii al ni brilan estontecon kaj tiel danki niajn estimatajn geinstruistojn!" Per tiuj vortoj li finas sian paroladeton, riverencas al la ĉeestantaj geinstruistoj kaj descendas de la podio. Varmega aplaŭdo skuras la aeron en la aŭlo.

Kiam li paŝas al sia sidloko, alkuras Sindona, servistino de la lernejo, kun blanka paperpeco en sia mano. Ŝi donas ĝin al Kamelo kaj diras:

"Jen la teksto de via parolado! Mi trovis ĝin flanke de la sporta placo. Kredeble vento ĝin portis tien."

Mira, Kamelia kaj multaj aliaj ekfajfas pro emociiĝo. Ĉiuj scias, ke Kamelo povas tiel bone plenumi sian paroladon sen la printita teksto ĝuste pro lia diligenteco.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
……………………………………
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
……………………………………
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_